II Jaro. XXI Num. 1918 Septembro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. FERNANDO PASTOR

Entuziasma kaj sperta Sekretario de la Grupo de Cartagena

# Poemo de Muley Hafid

(*Daŭrigo*)

III

*En la koro de la poeto staras aliaj ombroj.*

—

Mia konvinkiĝo kaj mia fido konsideras vantaj la larmojn de tiuj, kiuj ploras, kaj la malgajajn kantojn de la funebro.

—La voĉo de la heroldo de morto similas tiun de la portanto de bonaj novaĵoj.

—

Ĉu ploras aŭ kantas tiu kolombo en la foliaro?

—

Ho, amikoj! rigardu: niaj tomboj kovras la ebenaĵon. Sed kie estas la tomboj de niaj praavoj, samtempuloj de Aad? (1)

—

Ke niaj paŝoj estu malpezaj: la tera krusto estas formita el kadavroj. Ni estas neindaj, malgraŭ la longaj forkurintaj jaroj, piedpremi tiel la restaĵojn de niaj patroj kaj praavoj. Estas pli humile kaj pli prudente celi fendi la aeron, ol piedpremi fiere la cindrojn de l' estaĵoj.

—

La fosaĵoj estas la tomboj de la sekvantaj generacioj, kaj la Tero ridas pri tiu ĉiama alfluo de homoj al ĝi. —Certe, la tero estas la plej indulga kaj gaja el ĉiuj prostituulinoj.

—

La kadavroj sin amasigas sur la kadavrojn, kaj la tempoj senĉese sin katenigas.

—

Se vi ne scias la aĝon de la mondo, fratoj, demandu al neŝanĝeblaj astroj *Farkaden*'oj (stelaro), kiom da gentoj kaj regnoj¿ili vidis sin sekvi, kaj kiom da tempo ili daŭris; demandu al ili de kiam la tagoj sekvas la tagojn, kaj dum kion da noktoj ili lumigis la vojon de l' vojaĝantoj.

—

La vivo nur estas doloro. Kaj nur miras tiuj, kiuj celas pligrandigi ĝian daŭron. Unu horo de malĝojo en la apudaĵoj de la morto valoras pli, ol la feliĉeco je la sekvanta tago de la naskiĝo.

—

La estaĵoj estas kreitaj por vivi eterne. Tamen, tuta homa kategorio deflankiĝas kaj sin proklamas mallongedaŭra. —Ĉu morti? Ĝi estas, esti transportita de la nuna vivo mezen de aliaj malĝojoj kaj ĝojoj; la morto nur estas momento ripoza, kaj la vivo rekomenciĝas post mallonga dormo.

—

Ho kolombo de *Hadil*'o (de la Noah arkeo) helpon! Helpu min, promesu almenaŭ al mia nekonsolebla malfeliĉo vian helpon. Dio protektu ĝin! Nur ĝi restadis fidela je firma amemo, kaj ĝia malgaja melodio atestas, ke ĝi ankoraŭ ne forgesis tiun el la siaj, kiu mortis, kiam la suno subiris.

—

Sed kial la plumaro sur ĝia kolo estas ornamita de kolringoj? Deprenu tiujn juvelojn. Tranĉu noktan ĉifonaĵon kaj faru el ĝi funebrajn vestarojn. Ploru poste, kaj kondolencu dolore, kiel ploras kaj plendas pro mia rememoro belaj virinoj kaj junaj virgulinoj.

—

Koro, koro, ne vin dormigu en la estinteco, nek vin dispecigu al la hundoj de l' rememoro!

—

Tre ofte la amo de la vivo incitas iun en mallaborema apatio, kaj lin apartigas de la grandaj celoj. Ni preferu humilan subteran loĝejon, anstataŭ malgrava vivo sur la tero, aŭ ni starigu skalon kaj ni vivu en pura atmosfero.

(*Daŭrigota*)



---

(1) Nomo de gento apartenanta al la mitologio de la Araboj, kiun ili elvokas ordinare por aludi tre antikvajn epokojn.

# TIMU!...

Ne ja, timu la bestojn sovaĝajn
kaj vivadu en plena trankvilo;
kontraŭ ili vi havas la forton
kiu estas la bona pafilo.

Ne ja timu la Sorton kontraŭan;
kontraŭ ĝi estas la pacienco;
nek la fortojn plej povajn de l' Mondo
ĉar povega estas la Scienco.

Ne ja timu kruelajn malsanojn
kaj batalu de l' viv' ĝis la fino;
kontraŭ ili potencon vi havas
ĉar armil' estas la Medicino.

Sed ve! timu singarde la homon
kaj la homan perfidan agadon;
timu, timu vian similulon
eĉ l' amikon kaj la kamaradon.

*Rafael de San Millán*

# AL MIAJ SAMIDEANOJ

Ĵus leginte tre interesan libron nomitan *Folkways* (Popolmoroj) de Profesoro Sumer ĉe Yale (grava universitato de Usono), mi okaze vidis en ĵurnalo kelkajn citaĵojn el prediko parolita en okcidenta parto de tiu ĉi lando. Tiuj du verkaĵoj ekagis sur sin reciproke en mia cerbo, al ili kuniĝis tiu ideo, kiun ni nomas Esperantismo; kaj aperis al mi, ke estas io, kion mi volas diri al miaj Esperantistaj samideanoj. Ĉu ili volas aŭskulti?

Ni ĉiuj konas la grandiozan celon, kiu instigis nian Majstron, jam en knabecaj jaroj, al la faro de internacia lingvo. Ni ĉiuj scias, kiamaniere la nekomprenoj de lia multelingva naska urbo influis lian animon, kiel li frue ekkomprenis, ke el nekompreno kreskas malkompreno, kaj el malkompreno malŝato kaj malamo—kaj ni mem en tiu ĉi tempo konstatis, ke el malŝato kaj malamo kreskas milito. Kompreno, do, kaj toleremo (kiu estas etendo de kompreno per fido tien, kien la komprenkapablo ne atingas) interpersonaj, interfamiliaj, interklasaj kaj interpopolaj estas la celoj de la Esperantismo.

La malsameco de lingvoj, tamen, ne estas la sola kaŭzo de nekomprenoj; same efikas la malsimileco de moroj. En la angla Interna Milito, «Roundheads» kaj «Royalists» havis lingvon saman sed morojn tre malsimilajn; laŭ la vortoj ili povis sin kompreni reciproke, sed tuj kiam tiuj vortoj kombiniĝis por esprimi idealojn, ili ne povis plu kompreni sin, ĉar la idealoj estas grandparte produktaĵoj de moroj. Simile estis en la Usona Interna Milito kaj en la franca Revolucio.

Lingvo, eĉ en plej primitiva senco, signifo de aparte starantaj vortoj, ne estas sendependa afero; ĝi dependas de popolaj idealoj kaj de kondiĉoj de vivo. «Libereco» estas vorto facile tradukebla en ĉiujn Eŭropajn lingvojn, kredinde en ĉiujn lingvojn parolatajn aŭ parolitajn en la tuta mondo; sed ĝi ne signifas saman aferon en Francujo, en Germanujo, en Ameriko aŭ en Anglujo. Tion mi povas konstati el propra observado. Edukita en Usono, mi komprenéble kredis, ke mi komprenas, kio estas la libereco, eĉ ke mi havas apartan rajton al la vorto. Mi iris en Germanujon (tio estis antaŭ multaj jaroj) kaj tre miris trovi, ke la germanoj paroladas kaj kantadas (precipe kantadas!) pri la libereco, kvazaŭ ĝi estus ilia speciala posedaĵo. Mi eĉ ne povis kompreni, kiel popolo vivanta sub imperiestro povas pretendi al libereco. Sed la germanaj kantoj pri la patrujo estas elokventaj, kaj sub ilia inspiro mi klopodis trovi respondon al tiu enigmo. Kaj mi trovis. La signifo, kiun la germanoj donas al la vorto libereco estas nacia, ne ennacia; ĝi signifas nacieco, nacian sendependecon de fremda regado. De Germanujo mi iris en Belgujon, kaj tie mi trovis tiun naciecan idealon de libereco eĉ pli akcentita kaj mallarĝigita. En Belgujo ŝajnis tiam al mi, ke la libereco signifas sendependecon de Holando. De Belgujo mi iris en Anglujon, kaj tie mi

trovis tute novan komprenon de la vorto libereco. La geografia situacio kaj la historio de Anglujo, kiel ankaŭ de Usono, fortenis de ili tiun timon pri la fremda regado; tial la tie trovata signifo de libereco ne estas nacia, sed ĝi ne estas sama por ambaŭ popoloj. En Usono libereco havas signifon politikan, preskaŭ ĝi limiĝas en la rajto voĉdoni. Teorie ĝi signifas la superrajtojn de la plimulto, sed, voĉdoninte, tiu plimulto jam faris sian eblon. En Anglujo libereco estas afero ne nacia, ne politika, sed persona, ĉu ne? Vi havas reĝon, sed por ĉiu el vi la celata idealo de libereco estas, esti reĝo de la propra vivo. Pri franca koncepto de libereco, mi kredas esti prava dirante, ke ĉe tiu nacio libereco signifas egalecon.

Ni diris ĉion, tion por klarigi, ke lingva kompreno ne sufiĉas por komprenigi unu personon aŭ klason aŭ popolon al alia. Kiel Esperantistoj la internacia lingvo Esperanto estas la ilo, per kiu ni klopodas enkonduki iom pli da kompreno inter la popolojn. Kiel ideanoj de Esperantismo, tamen, kaj disciploj de nia Majstro, ĉu ni ne devus iri pluen kaj celi al forigo de moraj, kiel de lingvaj, nekomprenoj? Ni studu la morojn de aliaj popoloj, ne por ke ni miru kaj ridu pri ilia strangeco, kaj, simile al tiu Fariseo en Biblio, danku Dion, ke ni ne estas tiaj, kiaj la ceteraj homoj; plivole ke ni ekkomprenu, ke la kutimoj kaj idealoj de fremdaj popoloj estas strangaj kaj eble antipatiaj por ni ĝuste en tia grado, en kia niaj kutimoj kaj idealoj estas strangaj kaj antipatiaj por ili—kaj kiu juĝos inter ni? Ĉu ne pli bone estus lasi la juĝadon kaj uzi komprenadon por tio, ke per pli ampleksa, pli profunda scio ni pretiĝas konsenti, ke

«Homo estas homo, spite tio!»

Eble tro fantazie estus esperi, ke iam iu Majstro, inspirite de tiu, kiu donis internacian lingvon al la mondo, faros interpopolan kodon da moroj, simplan kaj logikan, kun malmulte da reguloj, kiel nia Esperanto, kaj entenantan, kiel ĝi, spirito de harmonio kaj toleremo. Sed ne fantazia estas la kredo, ke malrapide, iom post iom, tia kodo konstruiĝos, kaj de tiu kodo ĉiu el ni povas esti kunaŭtoro, ĉar la ĉefaŭtoro, kies nomo estas Uzado, invitas ĉiun el ni al la tasko.

Novan epokon ekproklamas la milito, kaj por tiu nova epoko, enkondukita de tiel multe de herooj, purigita per tiom da sango, per tiom da larmoj, ne estas sufiĉe bonaj niaj malnovaj moroj kaj opinioj, bazitaj sur antaŭjuĝo, nescieco kaj malamo al ĉio nova kaj fremda. Ni deprenu ilin kiel malfreŝajn vestojn, tro pezajn, taŭgajn por vintro sed maltaŭgajn por tiu printempa sezono, al kiu ni iras. La milito, oni diris en tiu prediko, pri kiu mi supre parolis, faras por nia generacio tion, kion Johano Baptisto faris por la sia; ĝi admonas nin pri la neceso preni novajn opiniojn, por ke ni estu pretaj akcepti ian novan epokon; ĉar tiu vorto *pentu*, kiu estis la krio de la profeto, signifis en lia tempo, diris la predikanto, *prenu novajn opiniojn*.

Estas, do, matura la tempo por la Esperantismo, por interkompreno kaj toleremo, por novaj opinioj, kiuj harmoniigos konfliktajn morojn kaj idealojn, kiuj same kiel diverseco de lingvoj kaj egale sennecese kaŭzas malkomprenon kaj malamon inter la popoloj.

Ni Esperantistoj, kiuj antaŭ longe vidis venantan ian novan epokon («En la mondon venis nova sento»), kvankam ni ne antaŭvidis, per kia malĝoja vojo ĝi venos, kaj eble ne klare komprenis, kia estos ĝia naturo, ni ja estu inter la unuaj respondantaj al tiu nova, terura profeto de Dio, kiu laŭtkriadas en la sovaĝejo de la batalkampoj: «Prenu novajn opiniojn!»

*F. F. (Usono)*

El aŭgusta n-ro de *The British Esperantist*

---

Ne diru agrablan mensogon, nek malagrablan veron.

(Hinda maksimo)



PORDO DE L' «PERDON» (PARDONO).—SEVILLA

SENDISKRETECO

# BALDAŬA APERO DE UTILA VERKO

Malgraŭ la malfavoraj nunaj cirkonstancoj Esperanto vivas; estas fervoruloj, kiuj, ne timante la nigrajn fantomojn, laboradas senĉese kaj viglas, kiam la mondo traflugas la plennebulan horizonton, por kiam la suno brilos denove, nia lingvo staru vivplena kaj nevenkebla; jes, maljunaj kaj junaj samideanoj svingas la verdan pacan flagon laborante tiu cele. Ĉu ne estus meritinda kaj kuraĝiga entrepreno publikigi nuntempe vortaron esperantan; kaj ŝuldi tion al maljuna apostolo de la hispana esperantistaro, S-ro Aŭgusto Jiménez Loira? Al tiu fervorulo, kiu tiom da oferoj kaj klopodoj faris por enradikigi la altvaloran kreitaĵon de D-ro Zamenhof en Hispanujon.

Pardonu la aŭtoro, se mi estas nediskreta, sciigante ĉi tiun novaĵon. Ankoraŭ mi iras pluen, ankoraŭ mi permesas al mi liveri pliajn sciigojn pri la kialo de tiel utila vortaro baldaŭ aperonta.

Dum la lasta tempo antaŭa de 1914ᵃ jaro, kiam Esperanto disvolviĝadis sukcesplene kaj regule, tiam funkciadis kompetentaj komitatoj kaj Akademio, kiuj havis la rolon enkonduki kaj aprobi la novajn vortojn necesajn por la esprimo de apartaj kaj specialaj terminoj koncernantaj sciencojn, artojn, industriojn, k, c.; novaj vortoj uzitaj en verkoj de nia majstro kaj aliaj kompetentuloj. Tiu laborplena tasko zorge kontrolita donis la rezultaton riĉiĝi nia belsona lingvo per multaj novaj vortoj, kiuj aperadis de tempo al tempo en bultenoj, broŝuroj kaj gazetoj. Okazas, do, ke tiuj vortoj uzataj, ĉar ili estas internacioj, ili estas facile kompreneblaj, kiam ni ilin legas aŭ aŭdas, sed tial ke ili ne estas kolektitaj ĉiuj en aparta vortareto, la hispana esperantisto, kiu ilin aŭdas, ne povas kontroli la akcepton de ili, aŭ se li bezonas uzadi ilin, li ne povas fari tion pro la sama kialo.

Ĉu vi, kara leganto, jam komprenas, kian paciencan taskon entreprenis S-ro Jiménez Loira? Jen estas: kolekti ĉiujn radikvortojn aperintajn dum la lasta tempo en apartaj broŝuroj kaj kune kun la malnovaj, prezenti tiun riĉan rikolton al la hispana esperantistaro. Ne kontentiĝis li per tiu laboro kaj ordigante poste ĉiujn hispanajn tradukojn pretigis duan parton, t. e.:

PLENA ESPERANTA RADIKARO

kaj

KOLEKTO DE ĈIUJ HISPANAJ VORTOJ, HAVANTE ESPERANTAN RADIKON

Ĉu tiu laboro el la kompetentuloj estas perfekta kaj definitiva vortaro? Kompreneble ne. Ĝi entenas la *makulojn* naturajn. Vi trovos en tiu vortaro kelkafoje vorton, kiu havas du aŭ tri diversajn radikojn. Ĉar la uzado de ĉiu el tiuj radikoj estas de kompetentuloj, ĉiuj estas akceptindaj; la elekto de la plej taŭga, la plej bona dependas de la tempo; ĝi estas laboro de la pli ofta uzado, same kiel en la vivantaj lingvoj, ĉar vivanta estas nia helplingvo.

Ĉu estas S-ro Jiménez Loira, kiu oficiale devas plenumi tiun kompetentan taskon, la publikigo de tiu plena vortkolekto? Certe ne; sed la tempo pasas kaj ne aperante tiu necesa plena radikaro, li decidis publikigi la kolekton, kiun li zorge kaj pacience ordigis por sia privata uzado.

Kaj jen la plej interesa novaĵo. Ĉar mi rompis la diskretecon, mi diros ĉion, kion mi scias. La unuan eldonon de tiu utila verko ĝuos la abonantoj de HISPANA ESPERANTISTO. Ĝi aperos en apartaj bindeblaj kajeroj en ĉi tiu Revuo.

Mi ne scias plu. La Direktoro havas la vortvicon.

Ĉu mi ne diris sufiĉe?...

*Novejarque*

Valencio, Septebro, 1918.

---

Estu aminda por aŭskulti, kaj bonema por juĝi.

*Ŝekspiro*

## Pri la peto al ministro de Publika instruado por fari la eksperimenton de ECCLES

Kune kun la broŝuro «Las Modernas Humanidades» pri la dirita eksperimento kaj aliaj dokumentoj, mi sendis vortaron esperanta-hispanan de S-roj Inglada kaj López Villanueva. Sur la paĝoj de ĉi tiu vortaro aperas, substrekitaj ruĝe, 2511 vortojn kies konstruado kaj sono apenaŭ diferencas je la konstruado kaj sono hispana; substrekitaj verde, 744, kiujn konas tuj ĉiu mezinstruita persono, ceteraj vortoj nestrekitaj estas malmultaj. Sed, kiel el tiuj vortoj konataj, per prefiksoj, sufiksoj, preposicioj kaj adverboj uzataj kiel prefiksoj, kaj kunmetado, oni povas atingi plej grandegan nombron da ili; kaj kiel oni scias, ke ĉie estas naciaŋoj, kiuj por esprimi ĉiajn pensojn ne uzas tiom da vortoj kiom da ili esperantaj konas tuj kiu ajn hispano, oni evidentigas la facilecon de Esperanto por la interkompreniĝo tial ke same okazas al alilandanoj pro la internaciceco kiu prezidis la laboron de nia kara Majstro.

Ankaŭ mi rimarkigis al la Ministro, mnemoteĥnike, kiel literoj kaj literkombinaĵoj hispanaj aliformiĝas esperantaj. Ekzemple:

*Cu* kaj *gu* hispanaj multeokaze aliformiĝas esperante *kv*, kiel *agua* = *akvo; cuatro* = *kvar; acuarela* = *akvarelo;* k. c.

*Qu* aliformiĝas okaze *ĥ* kaj aliokaze *k: anarquía* = *anarĥio; anquilosis* = *ankilozo; monarquía* = *monarĥio; quirúrgico-ca* = *ĥirurgia; queso* (blanco) = *kazeo; quilla* = *kilo; quimera* = *ĥimero;* k. c.

*Ll* aliformiĝas *l* kaj aliokaze *jl: belladona* = *beladono; bello-a* = *bela; serrallo* = *serajlo;* k. c.

*X* aliformiĝas *ks* tre ofte: *anexionar* = *aneksi; xiliografiar* = *ksilografio; óxido* = *oksido; oxígeno* = *oksigeno; axila* = *akselo; axioma* = *aksiomo;* k. c.

*S* aliformiĝas *z* kaj male: *base* = *bazo; bálsamo* = *balzamo; crisis* = *krizo; crisálida* = *krizalido; entusiasmo* = *entuziasmo; confuso-a* = *konfuza; embarazo* = *embaraso;* k. c.

*Rr* aliformiĝas simpla *r: birrete* = *bireto; barraca* = *barako;* k. c.

*Ch* aliformiĝas *ĉ: broche* = *broĉo; brecha* = *breĉo;* k. c. Aliokaze *ŝ: chacal* = *ŝakalo; chal* = *ŝalo; charada* = *ŝarado;* k. c.

Multeokaze la *c* hispana, je komenco de vorto, aliformiĝas *ĉ: camisa* = *ĉemizo; cazar* = *ĉasi; cesar* = *ĉesi;* k. c. Je mezo de vorto, *ĥ: mecánico* = *meĥaniko;* k. c.

*J* kiam iras post *e*, en tiuj vortoj kiuj komenciĝas per *ej*, aliformiĝas *kz: ejercer* = *ekzerci; ejecutar* = *ekzekuti; ejemplo* = *ekzemplo; ejemplar* = *ekzemplero.* Same aliformiĝas *x* en tiuj vortoj komenciĝantaj per *ex: examinar* = *ekzameni; existir* = *ekzisti;* k. c.

Multaj vortoj hispanaj komenciĝantaj per *est* aliformiĝas *st*, same *esp* aliformiĝas *sp: estandarte* = *standardo; estática* = *statiko; estatura* = *staturo; estearina* = *stearino; estertor* = *stertoro; estipendio* = *stipendio; estola* = *stolo; estría* = *strio; estudiar* = *studi; esperma* = *spermo; espina* = *spino* (vertebra kolono); *especial* = *speciala; espiral* = *spiralo; espontáneo* = *spontanea; estalagmita* = *stalagmito;* k. c.

Mi, do, dokumentis la instancon sufiĉe bone kaj detale por vidigi tute klare ke nia sankta afero ne estas utopio nerealigebla, tial mi esperas atingi povi fari ĉi tie, en la hispana ĉefurbo, la eksperimenton.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

## AVERTO

**Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.**



SUBA PARTO DE LA «KORTO DE LA PUPOJ» ALCAZAR. - SEVILLA



SUPRA PARTO DE LA «KORTO DE LA PUPOJ» ALCAZAR.—SEVILLA

# PRI SEVILLA

## El la Alcazar'

*El Patio de las Muñecas* (Korto de la Pupoj) estas rektangula. Formas ĝian eksteraĵon: belega arkaro kun admirindaj ornamaĵoj, graciaj kolonoj el marmoro, muroj kvazaŭ ŝtonpunto, frisoj el emajlitaj brikoj sur kiuj aperas ŝildoj, la simbolaj kolonoj de Herkuleso kaj steloj reflektantaj neimiteblajn metalajn reflektitaĵojn, malsupre; super ĉi tiu arkaro, aperas etaĝo kun belegaj fenestroj arabaj, kaj supren, alia miriganta arkaro. La tuto estas kvazaŭ revo de arta imago. La salono de la Princo estas bele ornamita.

*J. M. R.*

# ŜAKFAKO

En la programo de niaj projektoj staras la redaktado de *Ŝakfako* entenanta *Problemojn, ŝakludadojn,* sciigojn kaj ĉion koncernantan la tutmondan ŝakmovon kaj prefere la hispanan.

Malgraŭ ke tiu projekto ne estas ankoraŭ definitive prilaborita, tamen ni malfermas nian ŝakfakan pordon en ĉi tiu numero, ĉar aktuala interesa sciigo kaj alvoko tion postulas. Jen ĝi estas:

Sub la aŭspicioj de la fervora, sindonema kaj kompetenta hispana ŝakisto kaj ankaŭ samideano, S-ro Jozefo Paluzie, efektiviĝos la Tria Nacia Konkurso de dumovaj ŝakproblemoj. La kondiĉoj por partopreni en ĝi estas ĉi sube:

TRIA KONKURSO NACIA DE ŜAKPROBLEMOJ

1.ª Nur povas partopreni la hispanaj ŝakistoj.

2.ª Ĉiu konkursanto povos sendi la nombron da problemoj laŭvole, en *du movoj,* originalaj kaj senkondiĉe.

3.ª La templimo por la akcepto de la sendoj finiĝas la 1-an Januaron 1919.

4.ª La problemojn oni devas adresi al S-ro *Leoncio Trullá, Ronda San Antonio, 78, 1.º, 1.ª.—Barcelona.*

5.ª La Premioj estas ses, nome: *Unua,* 25 pezetoj. *Dua,* 20 pezetoj. *Tria,* 15 pezetoj. *Kvara,* 10 pezetoj. *Kvina,* 5 pezetoj. *Sesa,* 5 pezetoj. Oni aljuĝos ankaŭ honorajn menciojn.

6.ª La juĝisto de la Konkurso estos la eminenta ŝakproblemisto Mr. Alain C. White, al kiu S-ro Trullá sendos la kopiojn el la problemoj, kun pseŭdonimo.

7.ª La juĝo estos kiel kutime neapelacia, kaj kune kun la premiitaj problemoj estos publikigata en fremda ŝakgazeto, prefere en *La Strategie.*

Oni esperas, kaj tion ni deziras, ke ĉi tiu konkurso estos sukcesplena, same kiel la du antaŭaj (ankaŭ efektivigitaj sub la aŭspicioj de S-ro Paluzie), kaj pri kiu ni raportos en oportuna okazo.

*Novejarque*

# Al nia Karega Majstro mortinto

Kara nia ho! mildkoro,
rememoras ni kun ploro,
pri nia glorapostol'
La mondesperantistaro,
funebras, de pli ol jaro,
mankante via konsol'.

L' esperantistoj kunvenas,
ho! bedaŭro, vi ne venas.
Ĉiuj ni aklamas vin,
anim' via, kun ni estas,
ĝi en niaj koroj restas,
por iom konsoli nin.

Vi montris la manieron,
disvastigi la aferon,
de via Sanktega verk',
lasis ĝin en niaj manoj;
kaj nun, ni kvazaŭ infanoj,
ploras antaŭ via ĉerk'.

Ni laboros malgraŭ ĉio,
kaj helpon petos al Dio,



SALONO DE LA «PRINCO» ALCAZAR.—SEVILLA

por ke la via bonfar',
estu de ĉiuj konata,
kaj per ĝi, estu helpata,
la tutestonta homar'.

Pac' al vi karega nia,
same kiel al alia,
helpant' de via labor',
tial ke dum tempoj nunaj,
karaj niaj loĝas kunaj,
por ĉiam, en Sankta glor'.

*Antonio Viñals*

# Malfermata letero

Al S-ro Josefo Roig.

Estimata samideano: Mi legis vian artikolon *Ĉu vi ridetas...?*. Pro tio mi tutkore gratulas vin. La afero propagandata de vi estos unu el la plej indaj por propagandi inter la esperantistoj; ideoj pri saneco kaj forteco, tiel moralaj kiel fizikaj.

Jam de tempo mi rimarkis, ke estas multaj naturistoj ĉe la esperantistaro. Ĉu estus eble organiziĝi kaj havi, ekzemple, especialan lokon sur la paĝoj de HISPANA ESPERANTISTO? Tiel ni povus scii la nombron da esperant-naturistoj kaj en la okazontaj esperanto-kongresoj ni povus aranĝi especialan kongreseton, kaj tiel ni povus propagandi naturismon inter la esperantistoj kaj Esperanto inter la naturistoj.

Kun la espero havi respondon pri via opinio restas je via tuta dispono, via samideano.

*Nicomedes Ullar*

Sabadell, la 10-an Septembron, 1918ª.

## Alvoko al Junaj Korespondantoj

S-ro N. V. Nekrasov, ia Tversk-Jamskaja, 35 Moskvo, sub dato la 17-an de Februaro, 1918, skribis: —Ĵus organiziĝis konstanta Esperanta fako en la granda junula gazeto *Juny Graĵdanin* havanta abonantojn en tre multaj urboj de Ruslando. Pro la granda intereso de la legantoj al Esperanto la Redakcio decidis doni en la jaro 1918 al la abonantoj kiel senpagan aldonon lernolibron de Esperanto. Krom tio, la gazeto jam fariĝis organo de junaj Rusaj esperantistoj en la tuta lando.

Plenumante jam multajn iliajn petojn kaj antaŭvidante grandan sukceson en la proksima estonteco, mi —kiel gvidanto de la fako— min turnas al Vi kun la peto, presigi en Via gazeto tiun ĉi alvokon al ĉiuj junaj (en la aĝo ĉirkaŭ 16 jaroj) esperantistoj kaj ankaŭ interŝanĝantoj de la tuta mondo.

Se ili deziras korespondadi kun Rusaj junuloj pri iu temo, se ili deziras interŝanĝadi poŝtkartojn ilustritajn, markojn, k. t. p., ili skribu al la Redakcio de *Juny Graĵdanin*, en kiu iliaj adresoj estos nepre presitaj tute senpage.

Krom tio, *la Redakcio deziras havi diverslandajn kunlaborantojn per Esperanto.*

Oni ĉion adresu: Al la Redakcio de *Juny Graĵdanin, Tverskaja, d.* 73, *kv.* 29, Moskvo, Rusujo.

# ESPERANTA MOVADO

BARCELONA

Grupo de fervoraj Barcelonaj geesperantistoj festumis la datrevenon de nia neniam sufiĉe estimata Esperanto, instrumento paciga, vekanta ĉe la homoj amon fratecan por ĉiuj loĝantoj de la terglobo sentantaj ĉe la koro la neceson esti utilaj, servi al alilandanoj, al tiuj, kiujn oni ne konas sed pri kiuj scias iliajn bezonojn esti helpataj okaze de vojaĝo for el ilia naskiĝolando.

Tial ni kontente iras al ĝojado sekve de tia apero, kiu solvis tiel komplete ĉi tiun malfacilan situacion, travivitan de la personoj kies aferoj postulis ke ili korespondadu kaj vojiradu malsamajn naciojn.

Ni konsciante pri la graveco de ĝia rolo, sciante la klopodojn elportitajn de la viro, kies ekzisto tiom utilis la homaron pleniĝas el amo kaj fervoro nia revema koro, kaj

ĝin brue ni eksplodigas unu fojon ĉiujare, ĉar kolektiĝis dum tuta jaro tiom da agrablaj triumfoj danke nia intensa disvastigado, dezirante dediĉi plenan tagon ekskluzive al majstra verko de tiu geniulo, kiun ni memoras kaj estimas.

La solenaĵon de la 31ª ni okazigis en la pitoreska monto *S. Ramón* kiu staras apud la vilaĝo *S. Baudilio del Llobregat*, de kie oni elrigardas admirindan panoramon, kiun la amantoj de la naturo ĝuas entuziasme bedaŭrante forlasi tiun pejzaĝon allogan, dezirante ke ĝi longedaŭru, ĉar kun ĝi malaperas dum unu jaro esperantan tagon.

Gesamideanoj! nun ni reprenu la propagandilojn kaj semu senlace por rikolti abunde.

*Jozefo Roig Camps*

---

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn*.**

*(Daŭrigo)*

Kiel eble plej rapide ili malsupreniris kaj iris en la kapelon. Jozefo premis murornamaĵon kaj subite la muro fendiĝis montrante malhelan eniron, tra kiu antaŭenpuŝis la Grafon Jozefo, fermante tuj. Jozefo ekbruligis torĉon lumigante ŝtuparon malsuprenirantan kaj ambaŭ malsupreniris, trairis kripton en kiu staris arta tombo kun kuŝanta statuo de kavaliro, kaj iris tra mallarĝa, dekliva kaj subtera koridoro ĉiam malsuprenirante longtempe. La paĝio haltis, lasis la torĉon planken kaj diris:

—Rimarku tiun malgrandan helecon; ĝi eniras tra fendoj de la roko, kiu ŝtopas la eliron de la galerio kaj kiun ni povas movi same kiel la muron de la kapelo por malfermi la eliron. Vidu ĉi tiun feran ringon, per kiu oni malfermas la rokon, turnante dekstren ĉi tiun ringon. Se vi venus el ekstere vi estus devigata rampi tra ŝtonegoj unue, enigi la brakon tra la fendoj kaj serĉi la ferringon. Ĉio ĉi tio supozas grandan singardemon, ĉu ne?

—Kiel vi konis ĉi tiun eliron, kiun ni ne konis?

—Tagon, mi, staranta sur tabureto, estis puriginta la kapelon kiam mi perdis la ekvilibron; mi tuŝis ornamaĵojn de la muro, kiu malrapide moviĝis malantaŭen montrante al mi la eniron de la galerio. Malsuprenirante el la tabureto kaj rigardante ĉirkaŭen, rapide mi inspektis la malhelan truon ne kuraĝante esplori la galerion pro manko de lanterno kaj tuj mi ree premis la murornamaĵon kaj la muro fermiĝis. La hazardo donis al mi sekreton kiu favorigis mian projekton kaj mi silentis pri la eltrovo. Sekvantan tagon, tenante lanternon kaj singardema, mi inspektis la galerion. Tial oni nenion sciis pri mia malapero kaj nur nun vi povas vin klarigi la supozitan miraklon. Reiru ni en la kripton, kie vi restos kaj atendos mian revenon; dum, mi preparos ĉion necesan por nia forkuro. Ne maltrankviliĝu pro mia foresto kvankam estu longedaŭra, ĉar vi komprenos la gravecon de nia entrepreno pri kiu ni devas esti tute singardemaj.

La maljuna soldato demetis la nigran kirason, ekbruligis lanternon kaj surmetis la pilgriman kostumon, kiun li lasis tie, kaj prenante la torĉon adiaŭis la Grafon rekomendante al li saĝecon.

V

Dum okazis tio, kion mi estis rakontinta, tra ĉie oni serĉis la Grafon de Palazuelos, rakontinte la kaptitoj, ke sendube miraklo savis lin ĉar oni ne povus klarigi la aperon kaj malaperon de la pilgrimulo, tiun de la nigra kavaliro kaj la malaperon de la Grafo, se ne estus okazinta la miraklo, kaj kiel la venkintoj povis konstati ĉion, ĉiuj miris pro la okazintaĵo.

La Reĝo pardonis la kaptitojn pro ilia kuraĝo, kaj, post kelkaj tagoj ordonis prepari la foriron.

La konspirantoj, dum, ne interrompis siajn insidojn kaj planojn, decidinte mortigi la Reĝon antaŭ la deiro, profitonte horon, kiam Li sola, antaŭ ol la tagiĝo estos eklumigonta la tersuprajon, returneniris el la domo de sia amatino tra izolita kampo de la antaŭurbo tre favora je embusko.

Danĝeraj horoj por la Reĝo alvenis! La foriro estos je la sekvanta tago.

Dum la friponoj pagataj de la konspirantoj sin embuskigis kaj spionis Lian pason, kortuŝanta sceno okazis en la domo de la *Bela Teksistino*, kiu estis sciinta la foriron de la Kortego, kaj tiel baldaŭ kiel ŝi estis vidinta sian amaton, tremante, plorante, ŝi ĵetis sin en liajn brakojn dirante: —Kia malfeliĉulino mi estas!... Mia koro antaŭsentas grandajn malfeliĉajojn! Vi foriros kun la Kortego, kaj malproksime je mi, en la brilo kaj lukso de la Kortego, inter nobelulinoj, vi forgesos min. Karulo mia, diru al mia patro...! Ni kunigu nin, kaj mi estu via eterna sklavino!...

—Joznjo, ne malĝoju, ne maltrankviliĝu! Mi estos fidela je vi. Via bildo akompanos min ĉiam dum la foresto, kaj la rememoro de la feliĉaj tagoj pasintaj kuraĝigos min rapidigi la daton rekomenci nian feliĉecon por ĉiam. Konfesi niajn amojn? Nun tio estos frenezaĵo! Konsentu ke mi parolu pri tio al mia patro kaj ke mi atingu lian konsenton, kaj tiam la sukceso estos nedubebla. Mia foriro estos bono, ĉar tiel ni rapide atingos nian karan celon. Plie, vi scias mian devon en la Kortego, kiun mi ne povas forlasi. Ne ploru, do, karulino mia! Kuraĝiĝu!

—Mi timas la malkonsenton de via patro! La ranga diferenco... Kio estos al mi?... Mia patro scionta sian malhonoron mortigos min!...

Vane penadis la Reĝo konsoli sian amatinon, ĉar la pasio kiu bruladis en ŝia koro estis amo la plej granda, ju pli granda, des pli pura kaj sindonema; amo, kiu ĉion oferas kaj kiu multeokaze atingas martiran palmon anstataŭ feliĉeco.

Ju pli granda estis la doloro de la junulino, des pli granda estis tiu de la Reĝo, kiu enamiĝis freneze kaj kiu, eble en tiuj momentoj, estis pensanta pri la oferoj kiujn postulas la krono al tiuj kiuj ĝin portas, kaj envianta la rangon kaj liberecon de siaj humilaj regatoj. Sed, spite ĉio, la cirkonstancoj triumfis fine, kaj post kortuŝanta adiaŭa sceno la geamantoj apartiĝis.

Dum tio okazis en la domo de la *Bela Teksistino*, la Grafo de Palazuelos demetis la kirason, enprofundiĝis en grava pensado pro la danĝera situacio en kiu li sin trovis, kaj laca kaj malpacienca pro la longa foresto de sia savinto, li iris en la eniron de la subtera koridoro, turnis la rokon kaj avide spiris en tiu pura atmosfero de unu el tiuj noktoj trankvilaj, en kiuj la plej malgranda venteto ne blovas, kaj kies ĉielo estas pure blua kaj nuancita el steloj kiuj belege brilas; en tiu atmosfero de nokto plena je volupto, de nokto incitanta la homojn al amaj revoj.

Rebrueto de paŝoj rekonsciigis la Grafon, kiu sin kaŝis preta fermi la eniron. Atenta, li povis observi de sia kaŝejo kiel kvin personoj haltis kaj sin kaŝis inter la rokoj kaj kreskaĵaro starantaj kontraŭ lia rifuĝejo. La malbona sintenado kaj suspektinda mieno de la ĵus alvenintoj, devigis lin esti suspektema kaj singardema, eĉ ne perdi vorton el la interparolado de tiuj friponoj, kiuj certe nenian bonajon preparis.

*(Daŭrigota)*

---

GAZETOJ RICEVITAJ

«The - British - Esperantist», «Esperanto Monthly» (Aŭgusto) kaj «Eklezia Revuo» (Junio-Julio), el Anglujo; «France-Esperanto» (Majo-Julio), kaj «Le Monde Esperantist» (Junio) el Francujo; «Esperanto» Oficiala organo de U. E. A. (Julio-Aŭgusto); «Brazila Esperantisto» (Aprilo-Junio); «Esperanto» (Aŭgusto) organo de la Klubo «Nova Sento» Bahía Blanca, «La Esperantisto» (Aprilo), organo de la Klubo Esperantista de La Plata, kaj «Argentina Esperantisto», (Majo-Junio), oficiala organo de Argentina Esperanto Asocio, Buenos Aires, (Argentino); «Esperantia Bulteno» (Majo) de la Grupo «Paco kaj Amo», Barcelona, kaj «Holanda Pioniro» (Majo-Junio).

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la hieróglifo: BILARDO. Sendis la solvon S-ro. P. Naranjo el Jerez.

## SOLVO DE LA ŜAKĈEVALA SPRITLUDO

(4)

| | | |
|---|---|---|
| | Z (1) | |
| M | F | N |
| H | | A |
| A | E | O |
| D | A | F |
| I | | E |
| R | E | C |
| | O (18) | |

(2) (3) (1)

Komencante de la unuo ĉelo kaj saltante ŝakĉevale, ĝis la 18.a, oni povos legi ZAMENHOFA FEDERACIO

## SPRITLUDO

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1.a AMATA | | | |
| 1.a AMATA | 2.a LITERNOMO | | = Dika paperfolio |
| 1.a AMATA | 2.a LITERNOMO | 3.a LITERNOMO | = Dika papero |
| | 2.a LITERNOMO | 3.a LITERNOMO | = Muzika sono |
| | | 3.a LITERNOMO | |

## HIEROGLIFO

020

La solvoj en venonta numero.

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanujo).

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanujo), strato Cervantes, 13, deziras interŝangi pk. kaj pm. Pri pm. li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

La gegrupanoj de la Grupo «Frateco» deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Adreso: Placo de Pí y Margall, 14. *Vendrell* (Hispanujo).

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanujo).

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo, strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8.—Madrid, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

Jesús Ramírez. - Strato Cabestreros, 10 kaj 12.—Madrid (Hispanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn.

José de Posse, Advokato.—Apartado, 125. *Bilbao* (Hispanujo), deziras interŝangi poŝtmarkojn, precipe militpoŝmarkojn.

F-inoj Paz kaj ~~Luz Bar~~bé, strato Marqués de Santa Ana, 45.—Madrid (España), deziras interkorespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

# ZAMENHOFA FEDERACIO

Ĉi tiu Federacio konsistas el Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj el precizaj hispanaj regionoj, tamen povas aparteni al ĝi kiu ajn alia regionano eĉ fremdulo.

Ĝi celas unuigi Esperantistojn kaj progresigi Esperanton, kaj por tio starigis tri klasoj: *Zamenhofano, Protektanta Zamenhofano* kaj *Protektanto*, kiuj pagas respektive *unu, tri* kaj *kvar* pesetojn jare. La du lastaj klasoj ricevos ĝian oficialan organon,

## Hispana Esperantisto

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oni starigis la trian klason por la Grupoj, Societoj kaj Esperantistoj, kiuj, pro specialaj cirkonstancoj ne povas esti Zamenhofanoj.

Sendu la kotizaĵojn per poŝtmandato aŭ per respondkuponoj (4-12 kaj 16 respondkuponojn respektive).

Laŭ eble, Zamenhofanoj protektantaj kaj Protektantoj ricevos senpage esperantaĵojn.

ADRESO: ***Pasaje del Comercio, 8, Presejo. Madrid. (Hispanujo).***